# ARGENTINA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Argentina Esperanto-Asocio



IIIA EPOKO — Nº 102-103 — SEPT. - OKTOBRO 1934

# ARGENTINA ESPERANTO - ASOCIO

MISIONES 369 — BUENOS AIRES

ADMINISTRA KOMITATO

Dionisio Ruíz, prezidanto; Angel Corral, sekretario; José Martínez, kasisto; Pablo Doubek, protokolisto; vochdonantoj: H. Gnewsky, H. Castañón E. Rodríguez kaj H. Savoia

GAZETA SUBKOMITATO: Antonio Barrot, C. H. Otheguy, Luis Viia, Enrique Bravo
Delegito en Tucumán: Abel Peirano

SUBKOMITATO POR LIBROSERVO KAJ BIBLIOTEKO: Antonio Barrot, F. Clevillé kaj Santos Fontán

SUBKOMITATO POR INFORMOJ

Antonic Solé, Fulgenci Arizmondi, Santos Fontán

KURSO PER KORESPONDADO: M. Cabezas, Mêrico Merlo, Américo Ballester, Angel Chamorro, José Torres, Rubén D. Sánchez kaj Fulgenzi Arizmondi

Ekzamena Komitato: C. H. Otheguy, G. Bruno López kaj A. Barrot



Es deber de todo hombre amante del progreso poseer, aparte de su idioma nacional, un segundo idioma que, sin herir nacionalismos ni crear privilegios raciales, permita a todo ser humano el intercambio de ideas, de propósitos y de intereses.

# ARGENTINA ESPERANTISTO

Oficiala Orgáno de Argentina Esperanto-Asocio

Administranto: Luis Vila
Redakc. kaj Administ.: Misiones 369 - Bs. Aires

N-ro 102-103
Sept.-Oktobro 1934

Redaktoro: Antonio Barrot
La Redakcio rajtas korekti la manuskriptojn
JARA ABONO: $ 2.—

# "NIA RAJTO"

UNU el la ĉefaj homaj priokupiĝoj estas tiu de iliaj rajtoj. Ne tre difinitaj estas ĝiaj limoj, precize, ni ne povas marki kie ili komencas kaj kie ili finas, tamen ni ĉiuj estas konvinkitaj ke ili estas io tre propra, tre intima, tre nia.

Neniam volonte, ni konsentas oni ilin tuŝu, ni ne akceptas diskuton, aŭ pridubon rilate al plenĝuo de "Nia rajto".

Bedaŭre, tiu konfuzo pri la certaj limoj de ies rajtoj, naskas miskomprenojn kiuj malhelpas nin, krei ian komunan aŭ ĝustan koncepton pri ĉiu rajto.

Efektive, estas en nia mondo, tiom da rajtoj, kiom da kapoj, ni ĉiuj faras por ni, specialan difinon pri la nia, kiun kompreneble ni volonte aliformigas aŭ kreskigas laŭ tempoj kaj cirkonstancoj.

Regule, tiu rajto estas tiel granda kiel nia ambicio, tiel larĝa kiel nia nescio, kaj profunda kiel nia egoismo.

Fakte, tiu multobliĝo da ĉiuj specaj rajtoj estas la fonto de la plej seriozaj homaj problemoj, kaj sensolvaj konfliktoj kiuj svarmas nian mondon.

Rajtaj konfliktoj. La rajto de infano, virino, laboristo, homo, de la maljunuloj, blinduloj, kripluloj, de la nacioj, landoj, popoloj, de la bestoj, k. t. p.

Kiam nia volo aŭ gusto ne trovas facilan vojon al plenumo de nia deziro, ni opinias "nian rajton" vunditan, kvankam multfoje, ni havas nenian pravon al nia plenumota ago.

Ĉiu aparta rajto kreas por si specialan kodon, kies limoj fatale kunpuŝiĝas kun aliaj rajtoj, kaj tie ekkonfliktas la homoj. Ni postulas "nian rajton", ne grave se la tuta mondo devas perei, "nia rajto" estas io super ĉio, kaj nek homa nek dia povo, devas ĝin mordeti, fajli aŭ limigi, ni ĉiuj estas pretaj se necesas, neniigi ĉiujn rajtojn kiuj baras aŭ malhelpas la starigon de la nia.

En tiu sinteno, ni produktas la plej strangajn teoriojn, kaj eĉ komikajn spekulativajn provojn. Nedubeble, ordo, justeco, kaj pravo troviĝas ĉiam apud "nia rajto", kio helpas tiun ĉi, estas justa, kaj tute kompreneble, ne estas peko defendi la justecon, eĉ perforte.

Kaj perforto regas en la mondo kiel absoluta mastro, kaj nur por defendi, aŭ subteni tre altajn celojn, kiaj estas "niaj rajtoj". De la plej grandaj potenculoj, ĝis la plej simpla anima

# LOS DOS CONGRESOS

Llegan las primeras informaciones de Europa relativas al 26o. Congreso Internacional de Esperanto, celebrado en Estocolmo durante el último mes de Agosto.

A estar en estas noticias, este Congreso ha sido un nuevo éxito. Más de 2.000 adhesiones se registraron, y la casi totalidad de éstos concurrieron al Congreso. Esta circunstancia impresionó vivamente a los habitantes de dicha ciudad así como a todos los del país, ya que raras veces han visto congregadas en la misma, una cantidad tal de extranjeros, algunos de ellos de origen completamente remoto.

Por otra parte, éstos no fueron menos sorprendidos durante su estada en la hermosa ciudad nórdica.

Estocolmo, con sus lagos, hermosos bosques, limpia y pulida, da una impresión que difícilmente se borra de la memoria.

Pero no es solamente la cantidad de concurrentes a este Congreso, la nota más sobresaliente del mismo, sino la calidad de muchos de éstos. En efecto, anotamos la presencia de representantes oficiales de Albania, Austria, Dinamarca, Finlandia, Japón, España, China, Hungría, Liechtestein, Noruega, Países Bajos, Checoeslovaquia y Rumania.

El Sr. Berthod, ministro de educación de Francia, fué representado por el Sr. Clausse, rector del Colegio de Calais. La representación francesa constaba de 120 personas; entre éstas aparecían figuras tan destacadas como la del Sr. Mauricio Rolland, diputado por el distrito del Ródano, y el general Bastien, quien desempeñó la vicepresidencia del Congreso.

Entre otros actos propios al programa del mismo, cabe destacar las conferencias universitarias, internacionales, reuniones de profesores, sabios, médicos, empleados de correos, en las cuales se usó exclusivamente el idioma Esperanto.

400 empleados de la empresa de tranvías, 10 agentes de policía y varios empleados de correo en la oficina especial instalada en el edificio del Congreso, facilitaron e hicieron agradable la estada de los congresistas.

Las sesiones de este Congreso se desarrollaron en el hermoso edificio del Parlamento sueco.

El próximo Congreso Internacional, esto es, el 27.º, tendrá lugar en la ciudad inmortal, Roma. Es enorme la expectativa que ha despertado la celebración de este futuro Congreso, pues a pesar de haberse celebrado hasta ahora 26 Congresos, ninguno de éstos tuvo lugar en Italia.

---

homo, ni ĉiuj estas pretaj uzi perforton, kiel plej efikan rimedon, por altrudi "nian rajton".

Kaj tuta natura afero okazas, por ke unu egoista rajto estu subtenata, oni estas devigata piedpremi centojn, milojn da aliaj rajtoj.

Sed sur tiu ĉi vojo. Ĉu estas ebla ke homaro trovu iam sian feliĉon? Ĉiu okaze feliĉon trovos nur tiuj kiuj sukcesis malgraŭ ĉio realigi "sian rajton".

Eĉ ne tio venas, nia ŝancelanta mondo prezentas nenian firman bazon, por neniu sukcesinto.

—Nu, kaj kia estas via solvo?— verŝajne iu demandos.

Tiu afero estas tute for el nia celo.

Sed tamen kiel esperantistoj ni volas signali ke helpa lingvo internacia, ne estas fremda ordigo de nia mondo.

Tro limigitaj kaj ekskluzivaj personaj kaj kolektivaj sentoj, certe estos anstataŭotaj per aliaj pli vastaj kaj larĝaj, kiuj plifaciligos la interhomajn kaj internacian vivon.

◆ ANTONIO BARROT ◆

VIDAĴO
EL NIA
URBO.



LA
KONGRESA
PALACO



# ĈU VI ESTAS ESPERANTISTO?

Se jes vi certe scios ke, krom lernado kaj uzado de Esperanto, esperantistoj havas aliajn devojn, kiuj fakte, iii ne estas altrudataj de aŭtoritatuloj, aŭ de ia supera instanco, ni tamen konsideras ke laŭ ni ilin atentas, la nomo "esperantisto" estas por ni simpla ornamaĵo, sen ia rilato kun niaj emoj kaj sentoj, aŭ fakte ĝi spegulos la komprenon kaj respekton al idealoj de popolaj interkomprenoj, kaj pacaj interrilatoj inter la homoj.

*Estas mia devo ne ŝpari okazon por propagandi Esperanton.* Se ni ne laboras por ĝia disvastigo, ni pensu nur kio okazus se la tuta esperantistaro agus kiel ni.

Kontraŭe ni imagu la staton de nia movado, se ĉiu esperantisto diligente okupiĝus por ĝia diskonigo.

*Devo nia estas meti la verdan insignon en la butontruo de nia jako,* tiam ni rajtos plendi pri tiu manko rilate aliaj esperantistoj.

Se ni povas uzi Esperanton estas dank' al k'opodoj kaj penadoj de malnovaj esperantistoj, kiuj multe oferis al tiu celo.

*Nia devo estas instrui aŭ helpi al instruado de Esperanto.* Ni ofte bedaŭras, ke la esperantistaj societoj ne estu plej bone gvidataj. Ne forgesu ke ne nur komitatanoj respondecas pri gvidado de esperantista grupo.

*Devo de membroj estas kunhelpi gvidadon de la Grupo.* Kontraŭe komitatanoj troviĝos kvazaŭ direktoro de orkestro sed, sen muzikistoj.

Esperantistaj societoj vivas dank' al kotizoj de siaj membroj, do, **devo nia estas pagi akurate kotizon**.

*Nia devo estas ankaŭ viziti la sidejon de nia Grupo,* kaj per nia entuziasmo kaj amo al laboro, plivigligi ĝian aktivecon, certe ni tie trovos bonajn amikojn, kiuj agrable pasigos al ni la tempon.

Antaŭ plendi pri enhavo kaj grandeco de niaj esperantistaj gazetoj, ni memoru ke *nia devo estas ne nur aboni la Gazeton, sed kunlabori kaj subteni ĝin.*

Estas fine nia devo, kompreni kaj prezenti Esperanton, ne kiel bagatelon aŭ amuzilon, sed kiel elementon, kiu iagrade kunlaboras al supera evoluo de la homaro.

**Jen**

# La Influencia del Esperanto en los Idiomas Nacionales

◆ ◆ ◆ POR ISMAEL GOMES BRAGA ◆ ◆ ◆

SE observa mucho la influencia de los idiomas nacionales en el idioma internacional, pero nunca he leído lo contrario, esto es, qùe el idioma internacional influya gravemente en la literatura y los idiomas nacionales; por eso me perdonarán la impertinencia de presentar mis experiencias personales sobre este tema.

Leyendo continuamente desde mi infancia en Esperanto, nunca pensé, que èl idioma internacional pudiera de algún modo producir efecto en el uso de mi idioma materno, ya que éste lo hablo y escribo diariamente y lo oigo a cada momento.

Un crítico amigo mío, sin querer, me llamó la atención. El crítico notó que mi estilo era muy simple y claro, que yo cuidaba por alcanzar una claridad absoluta, hasta cuando yo en ese sentido trataba de afear la frase. A él le parecía, que tal claridad de redacción requiere una atención especial, en la elección de las frases.

Algo parecido a eso ya había yo leído sobre mi manera de hablar en público, que mis discursos se parecen a lecciones, en las cuales el maestro se esfuerzo para que sus alumnos se compenetren de su pensamiento; yo exploré mi propio estilo en centenares de artículos periodísticos.

En tal aglomeración he podido constatar, por algunos temas especiales, que primeramente yo leía libros en Esperanto, y me acostumbraba a la construcción de frases sobre el tema que trataba; no solamente para decir, sino también para pensar. Por ejemplo, sobre socialismo, mi primera lectura fué una vieja revista que hace tiempo desapareció, titulada "Internacia Socia Revuo" que se editaba en Holanda antes de la guerra, y otras más, hasta llegar a los libros que últimamente editó la Sennacieca Asocio Tutmonda. Sobre el Japón, mis primeras lecturas fueron en la presente revista "Orienta Azio". Por eso mi estilo en portugués es una traducción precisa del Esperanto.

Por la fraternidad universal, y la idea interna del esperantismo, es comprensible, que todos los esperantistas escriban en su propio idioma bajo la influencia del Esperanto. En mi caso especial — el uso incesante del idioma internacional durante toda mi juventud — la influencia principal está en la comprensión del mundo, con reflejos en el idioma.

Hay países, costumbres populares, sobre las cuales solamente he leído en Esperanto. Por ejemplo, Hungría y Checoeslovaquia, entre otros. Mis pensamientos sobre esos países están ligados a las palabras y frases en Esperanto, que yo mismo no me puedo imaginar a esos pueblos hablando otro idioque que el Esperanto. Yo comprendo que mi ilusión desaparecería, si tuviera que visitar esos países; esa ilusión se fué formando de la manera más natural: Los pocos húngaros y checos que conozco, hablan solamente, además de su propio idioma, el Esperanto. Mis corresponsales solamente escriben en Esperanto; yo recibo libros y revistas de todos los países escritos en Esperanto. Para mí no tiene importancia, si la cantidad de esperantistas es pequeña en comparación con la cantidad de habitantes de esos países; yo solamente conozco esa fracción, y por ella juzgo al pueblo.

En el estado actual del desarrollo del idioma internacional, muy pocos son los hombres, en los cuales el estilo esperantista influye sobre el idioma nacional, pero esas excepciones serán la regla en el futuro, cuando todos los hombres usen el idioma internacional desde la edad escolar.

A mi parecer, no será una fantasía suponer una época de la historia mundial, cuando todos los idiomas nacionales, bajo la influencia del idioma universal, se hagan mucho más lógicos de lo que en la actualidad son.

De "Sennaciulo", traduc. de C. S.

## Colabore en nuestra Revista

Reiteramos ahora un pedido que en otra oportunidad hiciéramos a nuestros lectores, y a los "samideanoj" en general, solicitándoles que colaboraran más asiduamente en "ARGENTINA ESPERANTISTO".

Decíamos en esa ocasión que "una persona, aún con sobradas condiciones para hacerlo, no podría redactar una revista, ya que, en rigor, más que una revista escribiría un libro. De faltar la colaboración local, necesariamente habría que recurrir a la extraña, procedimiento a todas luces nada recomendable, y únicamente justificable ante circunstancias excepcionales".

Nuestra revista necesita la colaboración de todos sus lectores, y todos pueden hacerlo con un poco de buena voluntad, y en esa forma contribuirán al mejoramiento de nuestra revista. Es preferible que los trabajos no sean muy extensos (de 400 a 500 palabras). Deberán relacionarse con el Esperanto, y redactarse en este idioma o en castellano. Pueden enviarse, también, pequeños trabajos puramente literarios en proso o en verso, pero estos han de escribirse en Esperanto.

Las colaboraciones para el próximo número, se reciben hasta el día 20 de noviembre.

# Esperanta Vojaĝo tra Ameriko per biciklo de la Samideanoj Gregorio kaj Scaraffia

EN nia No. 96-97, ni aperigis artikolon de la samideanoj Vicente Gregorio kaj Viktor Scaraffia ,pri ilia bicikla rajdo tra Ameriko, ĝis New York. Laŭ niaj legantoj rememoras, ili foriris al Valparaiso de kie ili skribis nin la publikitan leteron. Poste ili daŭrigis la rajdon al Nordo, haltigante en La Serena, Copiapó, kaj aliaj Ĉiliaj urboj, kiujn ili trapasis. En la dezerto de Atacama, ili suferis preskaŭ pereigan aventuron. Pro eraro en la gvida folio, ili erare prenis vojon. Poste ili marŝis tra ĝi multajn kilometrojn, ili komprenis la eraron, kaj rapidis returnen, iri ĝis la vera vojo. Sed la lacigo kaj la manko de akvo, malhelpis al ili fari tion. Do, ili decidis serĉi, antaŭ ĉio, oazon kie trovi akvon kaj ripozon. Post multaj heroj, kiam ili estis jam senfortoj, ili trovis ministon kiu kondukis ilin al loko kie la rajdantoj povis ripozi por daŭrigi la veturadon. En la urbo Iquique atendis ilin delegacio de la loka biciklistaro, kiu per urba ĵurnalo, sciigis pri ilia alveno. Tie, niaj samideanoj, ricevis specialajn ĝentilaĵojn, kaj ili povis atingi konfortan gastejon. Kiam ili retrovis iliajn fortojn, ili direktis sin al Tarapacá, kaj poste al Arica, enirante fine al Perua teritorio, en kie ili vizitis, unue la urbon Arequipan'n, kiu estis apud la lago Titikaka. Ĉi tiu monthava regiono de Perú estas, ĝis nun, la plej danĝera kiun ili trapasis, kaj ĝi prezentas multajn malfacilaĵojn pro manko de vojoj, kaj la natureco de la regiono. En Trujillo, ili klarigis al ĵurnalisto, ke ili bedaŭras veturi per tamdemo, ĉar tiu veturilo havas multajn malfacilaĵojn, inter ili la pneŭmatikoj. kiuj ne estas troveblaj facile. Do, ili intencas ŝanĝi, tiel baldaŭ kiel ili povu, ilian tamdemon, je du individuaj bicikloj.



Ili veturas nune tra Ecuador.

Ni salutas al entuziasmaj samideanoj, kaj deziras al ili bonan sukceson.

*Adreso: Argentina Konsulo Bogotá (Colombia)*

## Números premiados en la Rifa de "Argentina Esperantisto"

En la rifa efectuada el 29 de Septiembre a beneficio de "ARGENTINA ESPERANTISTO", fueron premiados los números: 104, con el primer premio; 248, con el segundo; y 105, con el tercero, siendo favorecidos los Sres. J. Sabaté con el 1º y 3º, y Antonio Barrot con el 2º premio.

"ARGENTINA ESPERANTISTO" agradece a todos los "sadimeanos" que han contribuído al sostenimiento de nuestra revista.

LA ADMINISTRACIÓN

## NOVAJ REVUOJ

LA VERDEMULO — Trimonata organo de la Verdemularo de Sun Yat Sen Universitato; Kantono, Ĉinio. — Jam aperis du numeroj de ĉi tia nova dumonata revuo. La 2an. numeron konsistas el 54 paĝoj, bone presitaj, enhavante tre interesajn artikolojn pri diversaj temoj. La revuo estas esperante redaktata, kun malgranda aldono en ĉinia lingvo.

LA JUNA VIVO — Dusemajna organo por la junularo; West Graftdijk (N. A.) Nederlando. — La kvin numeroj ĝis nun aperintaj estas zorge redaktitaj kaj tre bone presitaj. "La Juna Vivo" havas ankaŭ kelkajn artikolojn en ĝia nacia lingvo.

Ni varme deziras al ĉi tiuj novaj revuoj, tre longan vivon, kaj bonan sukceson.



# PREPARANTE LA "RODEO'N" (1)

La submajstro donis la la ordonojn, kaj distribuis la "gauchoj'n" (2) per lertega strategio de kamparana homo kiu neniam maltrafas je siaj kalkuloj, kiu antaŭvidas la faktojn, kaj sin preparas al la okazontaĵoj.

Oni devis agadi lerte puŝi la sovaĝan brutaron al definita loko, kaj per efikaj flankoj, eviti ĝian returnon al riverbordaj herbdensaĵoj, kaj ilin eltiri el iliaj restadejoj.

Galope ni ekiris, antaŭen la hundaro, alproksimiĝanta al la kapo de niaj ĉevaloj, gaje bojis, ili interpuŝiĝis formante moviĝantajn ariĝojn, poste ili sin ĵetis al persekutado de la "martinetas" (3), kiuj surprizataj for.asis siajn nestojn, bruc frapante per iliaj flugiloj, ĝis malaperi en malproksimajn junkejojn.

La "caranchos" (4) starantaj sur la branĉoj de la "ceibos" (5), rigardis nin per siaj rondaj kaj vitraj okuloj vidante nin trapasi, kaj vekiĝante de la apatia dormado. Sendube antaŭflarantaj la proksiman brutbuĉadon, per la vigla instinkto de la viandbirdoj, elĵetis sian malmildan grakadon, kunvokante la malsatantan aron, ekflugis kaj postsekvis je distanco nian vojiron, por okazigi ilian sangan festenon, per la karnrestaĵoj.

Subite dekstren, je la ekstremo de la dornkreskaĵoj, krio audiĝis, kaj samtempe kvazaŭ eĥo, alia krio resonis maldekstren, ĝi estis la signalo.

Ni, nia vice respondis, kaj returniĝante la ĉevalojn, fulme nin direktis je la mezo de la arbaro, niaj elŝiritaj krioj intermiksis kun la furioza hundara bojado.

Surda bruado, kvazaŭ tiu de malproksima tondro, eĥis en la arbardensaĵo, alvenante ni en lokon senarban, en kies mezo blankiĝis la sablaj bordoj de la lageto, ni povis vidi kelkajn brutojn, kiuj pro rapidega forkuro, movigis la branĉarojn.

Ni haltis momenton, por pli kuntirigi la ĉevalan ventran zonon, se okaze fariĝus necesa ĵeti la "lazon" (6), kaj ankoraŭ ne pretaj, kamplaboristoj per laŭtaj krioj atentigis nin

—Atentu la bovviron! Samtempe ke la besto atakis nin, okazigante ĝeneralan diskuron.

Ni sursaltis la ĉevalojn, escepte la submajstro kies ĉevalo ricevis fortan puŝfrapon, kaj tiel teruran kornumon, kiu disŝiris la ventron de la besto, kaj metis en plenan aeron ties intestojn.

Tiam la bovviro rimarkante starantan homon, flanklasis la ĉevalon, turnis sur siaj piedoj kaj restis senmova, ritme frapante per sia longa vosto siajn flankojn, eltranĉante herbojn, per ĝiaj hufoj gratantaj la teron.

Estis miriga sceno, tragedia, kiu nur daŭris kelkajn minutojn sed kiun neniam ni forgesos.

Granda bovviro ĝi estis, de brilantaj kornoj, alta kapo, forta kolo, kaj flamaj okuloj. Antaŭ ĝi, la gaŭĉo atendis la atakon, serena sen palpebrumi, kun la "poncho" (7) envolvita ĉe la maldekstra mano, kaj la tranĉilego en la dekstra; superba, heroa, akceptante tiun ne atenditan batalon.

La animalo malevis la kapon, fermis la okulojn, kaj furioze sin ĵetis sur la kontraŭulon, la submajstro atendante ĝin saltis flanken kiel tigro, je-

(1) Arigo da brutaro en plena kampo, por plenumi ian definitan taskon.
(2) Enlanda kamphomo.
(3) Kampa birdo, iom simila al perdriko.
(4) Raba birdo.
(5) Enlanda arbo.
(6) Longa ŝnuro, kiun niaj gaŭĉoj uzas por kapti brutojn, je distanco, kaj en plena kurado.
(7) Enlanda kampmantelo.

tis la ponĉon, kiu falis en la mezon de la animala frunto, samtempe la hundoj saltis al ĝi, ili atakis ĉirkaŭe, kaj malgraŭ la kornobatoj ricevitaj, kelkaj pendiĝis de ĝia vosto, du alkroĉiĝis al ĝia kolego, tri falis sangumitaj,, sed la aliaj ne delasis, grumblantaj, rabiaj, kvazaŭ blindaj, ne forlasis la kaptaĵon.

La cirklo de du "lazoj" fermiĝis inter la kornoj, tiuj ŝnuroj el krudfelo prilaboritaj, vibrantaj pro la streĉa eltirado preskaŭ rompiĝontaj kvietigis ĝin. La bovviro skuis la kapon, kuntirigis per rapidaj movoj sian korpon, kaj aliris al direkto de la proksima ĉevalo, preta ĝin kornumi, sed la alia rajdisto, antaŭ vidante ĝian intencon, cedis nur iom da ŝnuro, kaj antaŭ ol la bovo estu trafinte la celon, de nove oni kvietigis ĝin, per forta flanka tiro. Kaj de nove restis senmova eljetante ŝaumon, pro senpova kolero.

Tria "lazo" ligis la krurojn, kaj la submajstro tirante ĝian voston, fa igis ĝin, por ĉiam venkita, je liaj piedoj.

Oni enmanigis al li hakilon, kaj per du trafaj frapoj senpintigis la kornojn.

La operacio disvolviĝis kiel antaŭvidis la submajstro. Venkitaj pro subita atako, persekutataj de la hundoj, la brutaro ariĝis muĝante, celante forkuri al plej densa parto de la arbaro, sed la eliro estis barita, aliaj gaŭĉoj trakuris la lokon, en plena kriado, kaj hunda bojado.

La plej sovaĝaj bovviroj ekmarŝis tra la libera flanko, ĝis la ebenaĵo, kie antaŭ preparite oni alportis pacaj bovoj, kaj laktaj bovinoj, kiuj utilis kvazaŭ logiloj por irigi la brutaron al rodeo.

Posttagmezo, kelkaj el tiuj belegaj animaloj de brila kaj makulita felo, estis miksitaj inter la maljunaj bovoj, kun mailevitaj kapoj, humiligitaj.

Tradukis: La Gaŭĉo



# ENLANDA MOVADO

En Rosario, la dua urbo de Argentino, ĵus fondiĝis nova esperantista grupo, kies nomo estas "Grupo Esperantistaj Amikoj".

Varme ni akceptas tiujn novajn kunbatalantojn, kaj ni esperas, ili forte subtenos nian aferon, malgraŭ kontraŭstaro de la sorto.

Ili sciu ke apud ili, troviĝos la samideanoj el Buenos Aires pretaj por helpi.

La direkta komitato estas: S-no. J. Scyzoryk, sekretario; S-no F. Gómez, dua Sekretario; F-ino Josefa Curto, protokolantino; S-no Pedro Martín, kasisto.

La adreso de la nova grupo estas: Córdoba 797, 1er· piso Rosario.

—La gravega Revuo el nia urbo "Ciencia Popular", en la septembra numero daŭrigas, kiel kutime publikigante Esperantan Kurson, kune kun la kurso ankaŭ aperas artikolon pri la deveno de kelkaj internaciaj lingvoj, kaj du fotografaĵojn pri la vizito de la prezidanto de Aŭstria Respubliko al Internacia Esperanto-Muzeo de Viena.

●

# Homenaje de los Esperantistas de Boulogne-sur-mer a San Martín

*En Boulogne-Sur-Mer realizóse el 17 de Agosto un homenaje al General Don José de San Martín, con motivo del 84.° aniversario de su muerte.*

*El acto rememorativo fué organizado por la Asociación Franco Argentina, creada hace apenas un año, y consistió en una ofrenda floral que se depositó al pie de la estatua ecuestre del Libertador, existente en esa ciudad.*

*Concurrieron al acto los miembros de la entidad organizadora, un núcleo de invitados especiales, entre los que se contaban las autoridades de la ciudad, y el Sr. Adolfo Drago, representante del embajador argentino en Francia, Dr. Le Breton, y una delegación del Grupo Esperantista local, integrada por su presidente, Sr. Maurice Duchochois, y su vicepresidente, Sr. Allart.*

ARGENTINAJ VERKISTOJ

# La libro kaj ĝia legado

## El Nicolás Avellaneda

Tradukis el hispanlingvo
ENRIQUE BRAVO

FULMA BIOGRAFIO PRI
NICOLAS AVELLANEDA

Naskiĝis en Tucumán je la 1827a. kaj mortis je la 1885a. Li estis gazetisto, verkisto, ŝatestro kaj famega parolanto. Li estis elektita prezidanto de Argentina Respubliko, dum kies regado li atentis speciale la publikan instruadon kaj propagandis la enmigradon al nia lando.

SANKTA Johano Krisóstomo, la apostolo de la bonfarado, verkis, por ĝin esprimi, ĝian pli belan kaj perfektan definon. La disdonemo estas la dono de si mem, kaj la homo havas multon por doni. Li povas doni ĉar li estas intelekto, ĉar li estas sento, kaj ĉar li posedas la eksterajn bonaĵojn, kiuj kontentigos la fizikajn necesojn de la vivo.

Kovri la senvestigon kaj kvietigi la malsaton per tolaĵo kaj la pano de la almozo, ĉiam estos plaĉa kaj sankta faro; sed la dono de si mem per la intelekto kaj la sento, estas specialega karaktero de la disdonemo. La apostoloj ricevis la instruadon kiel superegan mision.

La moderna socio elpensis la **Popolan Bibliotekon**; kaj de tiam, ni ĉiuj estas alvokataj partopreni en la altega apostoleco. Tiu kiu donas libron por la popola uzado faras la malgrandan donaĵon de ĝia monera valoro kaj ekbruligas ĉiaman torĉon, kaj malfermas fonton de superegaj sentoj, por ilustri kaj rebonigi la moralan kaj intelektan ekziston de homsentoj.

Doni libron estas preskaŭ nenio; sed la donita libro similas al semo kiun la vento trenis, kiun la aeraj birdoj ne manĝis, kaj falinte sur strangaj teroj ĝi produktis, kun la Dia beno, bonegajn rikoltojn. La senpreza donaĵo povas havi senfinan valoron, ĉar libro trovita okaze, estis tio kio kreis en Franklin kaj en Lincoln la persistecon al laboro.

Kiam mi aŭdas paroli pri homo kiu kutimas legi, mi estas preta bonpensi pri li. Legi estas konservi la noblajn ecojn de la spirito, ĉiam vivaj kaj viglaj, donante al ili, kiel nutraĵojn novajn emociojn, novajn ideojn, kaj novajn konaĵojn. Legi estas multipliki kaj riĉigi la internan vivon.

Legi estas, antaŭ ĉio aliĝi al la vivo de niaj similuloj; tia estas: kunfratiĝi kun la homoj, kaj unuiĝi al ili. Tiu kiu legas, spite li estu ekzilita en vilaĝo partoprenas en la universala movado, kaj li povas diri, kiel la homo de Terencio: li estas indiferenta pri nenia homara afero.

La legado nutras la koron, donante forton, varmon, kaj vastecon al la sentoj.

La egoistuloj, ĝenerale ne praktikas la legadon, ĉar ili estas mirigitaj en la senfrukta rigardado al iliaj personaj interesoj. Ili vivas nur por si mem, kaj ili ne sentas la neceson ĉirkaŭpremi la ceterajn.

La apatiaj personoj ne legas; sed, ĉu la malamo kaj la apatio ne estas la plastikaj formoj de la egoismo?

La naturo estas abunda je surprizi-

gaj scenoj, je mirindaj spektakloj, apenaŭ konataj de la hejmema homo, kaj kiujn la vojaĝantoj rigardas admirigitaj. La socialaj plezuroj ĉarmas la homon, sed tiuj ne serĉas lin, kaj ili ne dependas de sia volo. Dume, la plezurojn kiuj regalas la legadon estas ĉiutempa kaj ĉiuloka, kaj ili estas la unikaj, kiujn la homo povas renovigi laŭ sia libervolo.

Rioja povis diri tiamaniere kun elokventa simpleco:

''Unu angulo sufiĉas al mi hejme,
Unu libro kaj unu amiko, unu malpeza dormo
Kiun ne ĝenu ŝuldoj kaj ĉagrenoj''.

La legado havas povon por kuraci la animajn dolorojn; kaj Montesquieu verkis en siaj ''Pensoj'', ke li neniam havis eĉ unu penton, kiun li ne forgesis post unu horo de legado.

Jen homo al kiu la intelekto faris glorulon inter la homoj de lia epoko aŭ de lia centjaro. Kion li pensis pri dio, pri la naturo, pri la homo, kaj la ĉiamaj problemoj, kiujn mi ne povas analizi? La Biblioteko de la vilaĝo enhavas ĝiajn librojn; kaj antaŭ la fino de la longaj noktoj de ĉi tiu vintro, mi scios kion Santa Agustin meditis pri Dio; kion Pascal pripensis pri la homo, kaj kion Humbolt instruas pri la leĝoj regantaj la videblan universon.

La libro estas instruado kaj ekzemplo. Ĝi estas lumo kaj malkovro. Ĝi fortigas la kadukajn esperojn; ĝi subtenas kaj estras la naskiĝantajn emojn, kiuj serĉas ilian vojon tra la ombroj de la spirito aŭ la malfacilaĵoj de la vivo.

La nekonata junulo povas altiĝi ĝis la ne pereigebla famo, kondukata, kiel Franklin, per la sola legado.

La legado donas al ĉiu, ateston pri sia interna vivo. Ĝi estas la konfidindulo por la nesprimeblaj emocioj, tiuj, kiujn la homo revis en la soleco de sia penso kaj pli proksima al sia koro. Ankaŭ la legado de la libro helpas nin pensi, ami, revi dum la feliĉaj tagoj, kaj estas elvoko al ĝiaj belaj vizioj, kiuj dismalaperigis por ĉiam en la estinteco.

Kiam mi povas eviti tion, kio ĉirkaŭas min, kaj ne legi miajn antikvajn librojn, ŝajnas ke mia estaĵo renoviĝas. Mi rejunigas. Tio kio okazis, denove ĉeestas; kaj mi kredas dum momento ke mi povos denove envolviĝi per la dolĉa atmosfero de la dismalaperigitaj revoj, kiam ripetante per kortuŝanta akcento, la verson el Lamartine aŭ el Virgilio, mi alvokas kaj nomas ilin, per la voĉoj de mia antikva karesemo.

## Samideano:
## "Argentina Esperantisto" necesita su ayuda

*Al parecer, muchos esperantistas todavía no se han percatado del verdadero estado de nuestra revista.*

*Desde luego, ésta no es ningún negocio, y toda contribución a la misma no debería considerarse como un pago a un objeto de un valor correspondiente al dinero entregado.*

*La revista se edita con pérdida, y ésta tienen que sufragarla, naturalmente, los esperantistas y simpatizantes.*

*Un pequeño esfuerzo de cada uno de nosotros, ha de permitir el realizar cosas mejores y más interesantes.*

*Qué aquellos que no estén suscritos a la revista ARGENTINA ESPERANTISTO, que lo hagan de inmediato.*

*Que los que ya están suscriptos a un ejemplar, lo hagan por dos, ejemplar que siempre podrán regalar a algún amigo, con fines de propaganda.*

*Y que aquellos que no quieran o no puedan suscribirse, que compren algún número de las rifas que a beneficio del déficit de la revista realizamos cada tanto.*

*No creemos que esto sea mucho pedir, y, sin embargo, si nuestro pedido hallara eco, ¡cuántas cosas podrían hacerse!*

**El Gobierno francés y el Esperanto.** — El Ministro de la Educación Nacional fué representado oficialmente por Mr. Terracher, Rector de la Academia de Burdeos, en el Congreso Esperantista Francés, que acaba de realizarse en esta ciudad. También se hizo representar el mismo ministro, en la Conferencia Internacional celebrada recientemente en Viena, y de la cual informamos en nuestro número anterior.

**En Roma se celebrará el 27º Congreso Universal de Esperanto.** — Se ha dispuesto que el próximo Congreso Universal de Esperanto, que deberá realizarse a mediados del año próximo, tenga lugar en la ciudad de Roma. Con ese motivo, la revista "L'Esperanto", que aparece en Italia, ha publicado un número especial.

**El Esperanto en el Turismo.** — Las Asociaciones turísticas de Finlandia y de Dinamarca acaban de publicar sendas guías de sus respectivos países, completamente en Esperanto, repitiendo las iniciativas de España y Checoeslovaquia.

**Dos diarios indochinos publican cursos de Esperanto.** — Los diarios de Indochina: "La Patrie Annamite" y "Ban Tre", han comenzado la publicación de cursos de Esperanto.

**Asociación Mundial de Maestros Esperantistas.** — El 8 de Agosto próximo pasado, cumplió diez años de existencia esta institución, con sede en Holanda, que agrupa a los maestros esperantistas de todo el mundo. 200 maestros de 14 distintas naciones la fundaron en la fecha mencionada. Sus estatutos están inspirados por un principio de amor a la paz y se proponen fomentar el progreso de la educación y la enseñanza públicas El órgano oficial de la institución, "Internacia Pedagogia Revuo", (Revista Internacional de Pedagogía), contiene informaciones y artículos de gran valor pedagógico y aparece redactado totalmente en Esperanto.

★



## CRÓNICA MUNDIAL



**El Rey de Bélgica, Presidente Honorario de la Liga Esperantista Belga.** — El Rey de Bélgica acaba de aceptar su designación como Presidente Honorario de la Liga Esperantista Belga.

**El Esperanto entre los trabajadores de Suecia.**—Según el informe anual de la Asociación Sueca de Cultura Obrera, de Gotemburgo, el Esperanto alcanzó el primer lugar entre los 201 cursos organizados durante los años 1933 y 1934. Según la estadística, se realizaron 25 cursos de Esperanto, con 485 participantes. Los cursos de inglés fueron 17 con 334 participantes.

**Una caravana Esperantista.** — Un grupo de cien esperantistas partió el 15 de julio ppdo. de París, en bicicleta, con el fin de participar en el 14º Congreso Esperantista Obrero, celebrado en Valencia del 3 al 8 del pasado mes de agosto.






—*Kaj kiu li estis?*

—*Li estis elpensinto de metodo kontraŭ trafikaj akcidentoj.*

★

SAĜECO

Ĉe la eniro de ia malproksima vilaĝo, estis pentrita sur muro, la nomo de la vilaĝo, provinco, kaj aliaj detaloj.

Nova vilaĝestro celante plibonigojn pretigis novan belegan plakaĵon kun la sama teksto.

—Ni malaperigu la malnovan, oni demandis al vilaĝestro.

—Kial do, li respondis, ni lasu ambaŭ, se okaze venas du personoj samtempe, ne estus necese ke unu atendu ĝis la alia estos leginta.

GRAVA KONFUZO

—Mi prezentas al vi S-ron Lopez faman veterinaron.

Mi estas feliĉa koni vin.

—Senkulpigu, mi estas medicina kuracisto, sed la S-ro kredis min veterinaro, ĉar iam mi sanigis lin.

★

PROFUNDA SCIO

Dum sciencaj homaj bankedoj.

Iu ĉeestanto demandas al sia ĝentila kunulino.

—Ĉu al vi plaĉas arkeologion?

—Certe jes, sed mi vin dankas, mi tute ne plu povas manĝi, mi estas sata.

★

KOMPLETA FELIĈO

—Ho!! kara paĉjo, grandajn novaĵojn!! Mi sukcese trapasis miajn ekzamenojn pri ĥemio, fiziko, gramatiko, natura historio kaj geometrio.

—Bonega afero. Nur mankas ke vi trovu bonan edzon, kiu sciu kudri, kuiri kaj masrumi la hejmon.

#  POR LA LERNANTOJ 

HOMOGRAMO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | F | | A | |
| F | L | O | R | O |
| | O | | O | |
| A | R | O | M | O |
| | O | | O | |

SOLVO

FLORO - AROMO

◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆◆

*Al*, A, Hacia.

La preposición *al* tiene en Esperanto las siguientes acepciones:

1—Preposición delante de nombre de persona, cosa, o lugar hacia quien o donde se dirige la acción.

*La obeo* **AL** *la patro.*
*Iri AL la urbo.*
*Frapi AL la pordo.*
*Levi la okulojn AL ĉielo.*

2—Partícula que exige el verbo o el adjetivo para el nominativo:

*Sendi ion AL iu.*
*La seĝo apartenas AL mia patro.*
*Ne vundu AL mi la manon.*
*Sendi ion AL iu.*

3—Prefijo expresando dirección, lugar, donde se dirige el movimiento.

*Al*meti, *al*dono, *al*voki, *al*veni, *al*konduki, *al*rigardi, *al*kuri, *al*paŝi, *al*iri, *al*jungi, *al*propigi.

*AL* expresa siempre la dirección, nunca el objetivo.

Términos que importa no confundir:

*Dolori* — Doloroso, que duele, (golpe, herida.
*Suferi* — Sufrir moral o físicamente

*Domo* — Casa, edificio.
*Hejmo* — Hogar, residencia.

*Doni* — Dar, entregar algo.
*Donaci* — Dar un regalo, obsequio.
*Liveri* — Dar una mercadería, un producto, un resultado.

*Drinki* — Beber excesivamente.
*Trinki* — Beber, acepción general.

*Estimi* — Estimar a alguien
*Ami* — Amar a una persona.
*Ŝati* — Estimar algo, apreciar agradar·
*Taksi* — Estimar, valuar.

*Felo* — Piel de un animal· con su pelo
*Haŭto* — Piel de animal o persona (cutis).
*Ledo* — Cuero.
*Pelto* — Piel (de peletería).

## Esperantaj Gazetoj ricevitaj

The British Esperantist — Libero—La Lumo Orienta — Verda Mondo — Oomoto Internacia—La Revuo Orienta—Ondo de Daugava — Heroldo de Esperanto — Internacia Medicina Revuo—Scienca Gazeto — L'Esperanto — Sennacieca Revuo— Fluganta Skribilo —Nia Vivo — Belga Esperantisto — La Interligilo de L' P. T. T. — Kataluna Esperantisto — Laborista Esperantisto — La Juna Vivo—Bona Amiko—Esperanto en Japanujo — L'Information Espérantiste—Espero Katolika—Nia Gazeto — Bulteno C. A. E. — Svenska Arbeiter Esp. — Internacia Pedagogia Revuo — Skolta Bulteno — La Verdemulo.

●

## Agradecimiento a la Prensa

Nos es grato expresar, una vez más, nuestro reconocimiento a la prensa del país, por la decidida colaboración que presta a nuestra campaña por la difusión del Esperanto, publicando nuestras circulares de propaganda.

**A. E. A. (giros postales, estampillas o dinero en efectivo), deben ser enviados al Tesorero Sr. J. Martínez MISIONES 369 — Buenos Aires.**

## Nuevos miembros de A. E. A.

Antonio Caruso, Blanca A. Ballester, Miguel González, Jorge Hess, Emilio Cappelotto, Oscar F. Saboulard, Dr. Ubaldo Isnardi, Enrique Rzodkiewictz, Joaquín Sánchez, Víctor Palomba kaj Enrique Conte.

## Samideano! Piense que:

**Si cada uno de ustedes inscribe un nuevo socio a ARGENTINA ESPERANTO ASOCIO, o un nuevo subscriptor para ARGENTINA ESPERANTISTO, marcharemos a pasos agigantados y nuestro triunfo será indiscutible.**

**Cuota de Asociados $ 1.— mensual. Cuota de socio protector $ 2.— mensuales como mínimo.**

**Subscripción a ARGENTINA ESPERANTISTO, un año $ 2.—**

NOTA: A los socios se les remite gratuitamente la revista.

## SAMIDEANO:

Atingu anoncon por "Argentina Esperantisto" tiamaniere vi favoros la plibonigon de nia organo.

TARIFA:

| | |
|---|---|
| 1 pág. | $ 35.— |
| 1/2 " | " 18.— |
| 1/4 " | " 9.— |
| 1/8 " | " 4.50 |
| Aviso 3 ctms. de columna. | " 3.— |
| En Koresponda Fako, 3 líneas | " 0.30 |



**Samideano: Favorezca a nuestros avisadores**